# THE BRITISH ESPERANTIST

WITH WHICH IS INCORPORATED

INTERNATIONAL LANGUAGE

VOL. XXXII, No. 412 AUGUST, 1939


## SPECIAL SCOUT AND GUIDE NUMBER

**Edited in collaboration with the Scouts' Esperanto League**

# La Ĝemeloj

ANTAŬ kelkaj jaroj du kleraj homoj havis belan revon. La unua, pola okulisto, sopiris al universala frateco pere de internacia helplingvo: la alia, brita soldato, pensis pri mondpaco dank' al la interfratiĝo ĉe la junularo. Kreskis tiuj du ideoj, kaj nuntempe oni trovas en la mondo "eterne militanta" du gravajn internaciajn movadojn. Ĉiu serioza mondano ne povas ne aprobi la idealojn de la organizaĵoj Zamenhof-a kaj Baden-Powell-a, kaj oni esperas, ke iom post iom la homa familio turnos sin en ilia direkto.

## *Anglo Revis*

Estis nature, ke post ne longe en multaj landoj Esperantistoj fariĝos skoltoj, kaj skoltoj fariĝos Esperantistoj, dank' al la komunaj celoj de la du movadoj. Tiam alia anglo revis. Li estis konata Esperantisto kaj sperta Skoltestro kaj li proponis la starigon de ligo de Esperantistaj geskoltoj. Disvastiĝis la ideo de "Avoto" kaj aliĝoj komencis alveni. Nun la "Skolta Esperantista Ligo" havas kelkcentojn da membroj en tridek landoj. En pluraj mondpartoj estas fortaj naciaj komitatoj sub gvidado de sperta nacia agento. Kaj la skoltinoj havas sian propran fakon.

## *Skolta Ligo*

La celoj de S.E.L. estas: disvastigi la skoltajn idealojn per Esperanto, disvastigi Esperanton inter ĉiulandaj geskoltoj, krei skoltan literaturon en Esperanto, eldoni internacian skoltan gazeton aŭ revuon, kaj solidarigi la senton de frateco, komunan ĉe la du movadoj, inter diversnaciaj junuloj.

La oficiala gazeto SKOLTA BULTENO aperas, tute en Esperanto, ses fojojn dum la jaro kaj redaktas ĝin Skolta Komisaro. Al tiu revuo sendas artikolojn, raportojn, k.t.p. skoltinoj kaj skoltoj el ĉiuj partoj de la skolta mondo. Speciala rubriko estas la anoncetoj pri korespondado, kaj tio ofte naskas longdaŭran amikecon inter geskoltoj de diversaj landoj, kaj kelkafoje intervizitojn.

## *Tendaroj*

Internaciaj tendaroj por Esperantistaj skoltoj okazas de tempo al tempo, kaj tiaj kunvenoj jam okazis en Anglujo, Belgujo, Ĉeĥo-Slovakujo, Danujo, Francujo, Hispanujo, Hungarujo, Polujo, kaj nunjare ĝi okazos en Berno, Svisujo.

S.E.L. estas preta kunlabori kun la ne-skolta parto de la Esperanto-movado, kaj ĝi petas la subtenon de siaj samideanoj cele al pli efika enkonduko de Esperanto inter la geskoltaj rondoj. En multaj partoj de Granda Britujo Esperantistoj jam faras ege bonan laboron tiurilate kaj ni dankas.

## *Konsilo*

Unu konsilo eble estus utila: antaŭ ol proponi al skoltestro la enkondukon de Esperanto, ne-skoltaj Esperantistoj tralegu la oficialajn skoltlibrojn (*Scouting for Boys, Wolf Cub Handbook, Rovering to Success* k.t.p., kiujn oni povas trovi en publikaj bibliotekoj) por fariĝi bone informataj pri la Skoltmovado: tio favore impresos la skoltestron kaj la geskoltoj mem des pli facile akceptos ilin kiel novajn amikojn.

**S.E.L.**

# THE BOY SCOUT MOVEMENT

By RICHARD A. FROST

*International Commissioner, Boy Scouts Association*

THERE are now over three million Scouts in the world, and something like twenty million must have passed through the Movement since its foundation in 1908. In those early days the Movement spread first through Great Britain and then over the British Empire and the rest of the world, not because of propaganda or compulsion, but because boys themselves, and men who were in touch with boys, found in it something which met their wants and which they wished to practise.

During the war many people feared that as an international movement it could not withstand so great a calamity; but subsequent events justified the Chief Scout's optimism and the Movement has continued to grow from strength to strength, adding to its numbers every year.

As I write this we are just completing preparations for the fourth World Rover Moot, which is to be held in Scotland, and from which Rovers are to come from two dozen different countries or more. There are only three important countries in the world to-day where the Scout Movement is not in existence and Scout Troops are to be found even in such small and far away places as Tristan da Cunha. Distance alone has prevented some of the furthest countries from sending Rovers to the Moot.

After the Moot the biennial International Conference is to be held in Edinburgh. These conferences elect the International Committee, who with their permanent office in London have done so much to safeguard the basic principles of the world-wide Movement of Scouting. Every two years the meeting of this Conference, to which every Scout country is entitled to send delegates, demonstrates the strength and unity of the Movement.

Through Rover Moots and Jamborees of this world-wide character, through correspondence, exchange of visits and camping in other countries, the Scout Movement has done much to teach boys throughout the world that membership of another nation is no bar to true friendship, and the Movement has been acclaimed as one of the great forces assisting in the cause of world peace.

# S.E.L. ESTAS 21-JARA

**Bondeziroj de "Avoto", la Fondinto**

KARAJ GEFRATOJ,

Kiam iu atingas la aĝon de 21 jaroj, oni diras, ke tiu estas "matura", kaj en multaj familioj ekzistas kutimo, laŭ kiu la gepatroj prezentas al la nova maturulo ŝlosilon de la dompordo, kiel emblemon de libereco.

En 1918 naskiĝis nova infaneto nomita Skolta Esperantista Ligo, en ruinigita vilaĝo Ransart, en Norda Francujo. Mi, la fiera patro, estis brankardisto, kiu humile penis helpi la vunditojn de tiu terura milito, kaj la unuaj sonoj en la oreloj de la nova paciganteto estis la tondro de kanonoj.

Tiun ĉi jaron la tiama infano fariĝas maturulo, kaj kvankam mi ne povas doni al ĉiu el vi ŝlosilon, mi volas kore gratuli vin pro la bonega progreso jam farita, kaj deziri al vi feliĉan festenon. La simplaj kaj modelaj leĝoj de la skolta frataro, kune kun la amikigaj idealoj de la internacia kaj neŭtrala lingvo Esperanto, nepre estos potencaj agordiloj en la nova epoko, kiu certe sekvos la krizan periodon nunan.

Mi konsilas al vi, ĉiam portu la standardon de la verda espera stelo kuraĝe antaŭen . . . vi estas la pioniroj de nova civilizo, kiam skoltaj sincero kaj bonvolo regos la aferojn de la mondo, kaj tiuj, kiuj nun vin mokridas pri via fervoro laŭdos vian trankvilan persiston. Ne aŭskultu tiujn, kiuj diras, ke la honoro kaj deca konduto inter homoj jam malaperis: la rektaj metodoj de la vero kaj honesto ĉiam gajnas fine la celon.

Do iru vian fratan vojon sentime, kaj kiam nia Ligo atingos sian 25-jaran jubileon, mi esperas, ke ni povos solenigi ĝin en brila tagiĝo de tutmondaj paco kaj prospero.

Ĝis tiam . . . bonan ĉasadon!

Sincere via amiko,

AVOTO.

*Bexleyheath, Esperantujo, Junio,* 1939.

# KELKAJ IMPRESOJ PRI LA S.E.L.-TENDARO

## London, 1938

S.E.L. havis la bonŝancon ricevi prunton de tute taŭga skoltdomo kiel "tendarejo" okaze de ĝia Esperanto-semajno en Londono lastjare. La skoltejo apartenas al fama Londona trupo, kies skoltestro estas la Komisaro por la Civito Londono (do, sufiĉe grava persono !) kaj post la semajna restado tie la diversnaciaj skoltoj lasis en la domo kadrigitan dankleteron en siaj gepatraj lingvoj, kaj en Esperanto . . . tiu dankletero estis bele skribita kaj ornamita per diverskoloraj krajonoj de ĉeĥa skolto. En tiu ejo loĝis skoltoj el Anglujo, Ĉeĥo-Slovakujo, Francujo, Hungarujo, Nederlando kaj Polujo, sed ili tute forgesis sian propran naciecon dank' al la komuna lingvo. Eĉ pli . . . post sestaga kunloĝado, la ĉeĥo subite sciiĝis, ke lia lit-najbaro estas nederlandano : li kredis lin anglo !

Frue dum la semajno okazis la Jarkunveno de S.E.L., kiun ĉeestis kvardek personoj el naŭ landoj (kvin aliaj landoj devige forestis pro aliaj aranĝoj tiutempe) kaj la morgaŭan tagon oni ekskursis al la fama Instru-centro por Skoltestroj apud Chingford. Vendrede oni havis tre ĝuindan vesperon en la skoltdomo, kiam venis dudek unu el ok landoj por kanti, babiladi, k.t.p.

Post reveno hejmen, kelkaj skoltoj bonvolis sendi siajn impresojn, el kiuj ni elektas jene :—

"En plena harmonio, sen iu plendo, ni kunlaboris por sukcesigi nian tendaron sub instiga gvidado de la estro. Kvankam mi partoprenis multajn skoltkunvenojn, kaj naciajn kaj internaciajn, nenie mi trovis tian vere skoltan kunvivon. Fakte, ĝi pli similis nacian tendaron ol Ĵamboreon, ĉar la diversnacianoj havis komunan lingvon . . . " *Jos Moll, Nederlando.*

" . . . pri la Skolt-Esperantistaj dumkongresaj aranĝoj kaj pri la laboro de la organizantoj mi devus skribi per superlativoj . . . " *Ladislao Maŭkŝinsky, Ĉeĥo-Slovakujo.*

" . . . kun vera kortuŝo mi aŭskultis la unuan salutparolon de la tendarestro. En nian multlingvan areton falis liaj simplaj, mallongaj kaj kompreneblaj vortoj en Esperanto, resonante en niaj koroj per vigla eĥo . . . ni estis konvinkitaj, ke aranĝante nian malgrandan "Ĵamboreon", ni efektivigis en plej perfekta formo la grandan Baden-Powell-an ideon. Ni formis fratan, diversnacian aron da skoltaj fratoj . . . ne *apud* si, sed *kun* si. Ni komprenis unu la alian . . . kaj ni amis nin. Ni vivis vere kune, ĉar vivi kune signifas ne nur manĝi el la sama poto, kaj dormi sub la sama tegmento . . . sed vivi kune signifas: kompreni unu la alian, interŝanĝi la pensojn kaj ideojn, same kiel aliaj interŝanĝas metalajn insignojn aŭ kolorajn rubandojn . . . " *Jozef Toczyski, Polujo.*








---

**KLARIGO DE LA BILDOJ :**

1. **Geskoltoj el ok nacioj ekster la Skoltdomo.**
2. **Grupo da S.E.L.-anoj ĉe la U.K.**
3. **Antaŭ la antikva urbomuro de Londinium.**

La kliŝojn pruntedonis la Redakcio de *Skolta Bulteno*

# ABOUT THESE SCOUTS



[Block kindly lent by the Boy Scouts' Association]

by F. Douglas Murphy, F.B.E.A.
*Assistant District Commissioner*

FROM a small experimental camp of two dozen boys on Brownsea Island in 1907 to an international Jamboree of 35,000 scouts from forty different countries at Birkenhead in 1929. From the same twenty-four to a world membership of over three million. From one leader to 2,700 commissioners and 39,856 other scouters (*i.e.*, officers) in the United Kingdom alone, all giving their time freely, with a paid staff of eighty carrying out the details of the greatest youth movement of all time. From a dozen or so sixpenny paper books on Scouting to a number of educational text-books, then to correspondence training courses, and finally to a great training centre at Chingford, with branches all over the world, to which men and women come to secure a practical insight into Scouting methods. From small beginnings to a great variety of activities, to 11,000 sea scouts and "deep sea scouts" (scouts in the Royal and Merchant Navies), to scout troops of deaf, blind and crippled boys, as well as units of leper scouts in India and China, to scouts in 129 British Public Schools, to a great younger brotherhood of "Wolf Cubs" and an army of young men, the "Rover Scouts", and to many other subsidiary branches. Such is some idea of the remarkable growth of a movement which was started by no man, but which sprang spontaneously into birth when a genius made certain suggestions to boy workers, and which compelled him to abandon his career in order to take charge of this great thing that had so swiftly come into being.

**Universal Appeal**

What was the reason for this universal appeal of Scouting? I think it is that the Founder had gone for his inspiration to the very core of young human nature. He had used that superabundant energy of the boy, the love of adventure and make-believe which is inherent in all young people, the underlying sense of chivalry which most boys possess, and the team or gang spirit which to a certain extent actuates us all.

The scheme of character training is divided into three branches: first, the Wolf Cubs (8–12 years), whose programme has been drawn largely from *The Jungle Books* of Rudyard Kipling. Wolf Cubs are formed into "Packs" and the names given by Kipling to the animals of the jungle are freely used in the Cub Packs. The boy is thrilled by the romance of the Jungle, while he unconsciously absorbs the family life of the Pack, its sense of fair play and unselfishness, of courage and physical fitness. Much of the programme consists of games—Nature's own way of training—while story-telling is an essential part of the Pack's life, and this is followed by simple play-acting, as the boy likes to *do* things.

**The Gang Spirit**

Then there are the Scouts (11 to 17 years of age) with their very varied programme based on backwoodsmanship, camping and, again, the gang spirit. The Scouts are formed into patrols under one of their number as leader and these leaders are the "Court of Honour", or parliament, whose job it is to administer the Troop (consisting of two or more patrols) under the guiding influence of the Scoutmaster. While the underlying basis of the training is the Scout Law and the Scout Promise, the scheme is essentially one of activities. Scout Tenderfoot and Second Class ranks mean elementary knowledge in knotting, first aid, cooking, observation, signalling and several other subjects, while First Class rank carries on to more advanced stages and adds map reading and sketching, swimming, estimation, how to deal with emergencies, etc. In addition, a system of Proficiency Badges provides incentives for practice in no less than sixty different directions, ranging from Athlete to Woodman, Basket Worker to Surveyor, Cyclist to Printer, Camper to Pioneer, etc.

Then there are the Rover Scouts (young men of seventeen and over), who are a Brotherhood of the Open Air and Service, drawing their inspiration from the Knights

of old. The unit is the Crew, with one of their number acting as "Rover Mate" under the general encouragement of an older man, the Rover Scout Leader. Avenues of service which are taken up include Blood Transfusion, Boys' Club work, assisting with scout troops who are short of help, while the Crew's activities will cover a wide range of subjects from hiking, camping and pioneering, tracking, boating, swimming, climbing, foreign travel, to indoor work such as study circles, folk-dancing, debating, sketching, visits to municipal offices, etc.

But enough has been said to indicate some of the lines along which scouting works, and no better closing advice can be given than to read through the Chief Scout's most fascinating books, *Wolf Cub Handbook*, *Scouting for Boys* and *Rovering to Success*, preferably in that order, to obtain a good insight into the scheme of training as it applies to different ages of the rising generation.

# La Skolta Leĝaro

1. La honoro de skolto estas fidinda.
2. Skolto estas lojala al la Reĝo, sia patrujo, siaj skoltestroj, siaj gepatroj, siaj dungantoj, kaj al siaj subuloj.
3. La devo de skolto estas, esti utila kaj helpi al aliuloj.
4. Skolto estas amiko al ĉiu, kaj frato al ĉiu alia skolto tute egale al kiu ajn lando, klaso aŭ religio la alia apartenas.
5. Skolto estas ĝentila.
6. Skolto estas amiko al bestoj.
7. Skolto obeas la ordonojn de siaj gepatroj, sia rotestro aŭ sia trupestro senhezite.
8. Skolto ridetas kaj fajfas ĉe ĉiu malfacilaĵo.
9. Skolto estas ŝparema.
10. Skolto estas pura laŭ penso, vorto kaj faro.

# La Skolta Promeso

Je mia honoro, mi promesas fari mian eblon:
Plenumi mian devon al Dio kaj la Reĝo,
Helpi al aliuloj ĉiuokaze,
Obei la Skoltan Leĝaron.

# Guiding and—Esperanto

BECAUSE we are Girl Guides, we are Esperantists. "A Guide is a friend to all, and a sister to every other Guide." These words express the spirit of sisterhood, independent of race, language, creed and other difficulties. Normally, sisters speak the same language and are able to understand each other's point of view. How can we find out that Guides of other countries are just as amiable as our own girls, if we make no effort to understand them? The Guide Movement is international in spirit, operating as it does throughout the whole world, and must of necessity encounter the barrier of language confusion. Esperanto is the obvious solution to this problem and by means of this neutral language Girl Guides of varied nationalities can work and play together in perfect harmony.

In 1938 there were 530,793 Guides and Guiders (*i.e.*, Officers) in Great Britain. Some may not have heard of Esperanto. Many may know nothing of the existence of the "Skolta Esperantista Ligo" which forms a link between Esperanto-speaking Guides and Scouts all over the world. We therefore appeal to all Esperantists to make this League known and to help us spread the true international spirit amongst Guides and especially among those who lead our young people and whose influence is so far-reaching.

The cost of membership of the Scouts' Esperanto League is within the reach of most Guides, being only 1/6 per year for those under 18 years and 2/- for those over. This sum includes the magazine SKOLTA BULTENO, which contains many interesting contributions from Scouts and Guides and has a special column for correspondence wanted, for every Guide should have at least one foreign pen-friend. Esperanto is becoming more and more popular as a means of gaining the Interpreter and Linguist Badges, and there is ample scope for rendering service in this connection. Guides are also finding Esperanto useful in collecting the necessary geographical information, foreign stamps, and postcards for the International Knowledge Badge.

The spirit of Guiding has sounded its triumphal call through the world and we Esperantist Guides are constantly working for the realisation of our dreams. Nations cannot learn to live in harmony without an intimate knowledge of each other's country and culture, and to this end the most valuable help is Esperanto.

MARY GROEN, *Chief Guide Agent.* NELLIE WILFORD, *English Guide Agent.*
*Scouts' Esperanto League.*

# Scouting and Esperanto

## The Official Position

FOR some years there has been a good deal of misunderstanding as to the official attitude of the Scout Movement towards Esperanto; this has been largely due, ironically enough, to an unfortunate mistranslation of a decision taken by the International Scout Committee. The "Skolta Esperantista Ligo" took up the matter at once with the International Scout Bureau and was immediately assured that the resolution was incorrectly reported; by this time, however, the alleged decision of the International Scout Committee had received world-wide publicity in the Esperanto press. The correction did not enjoy the same degree of advertisement, and the general body of Esperantists persisted in the idea that the International Scout Committee "*malrekomendas* la studadon de Esperanto". In order once again to clarify the position, the Editor of SKOLTA BULTENO (himself a Scout Commissioner) recently drafted a statement of policy which he submitted for approval to the Boy Scouts Association, with the result that the Committee readily gave permission for the publication of the following:—

**The Boy Scouts Association has for some years accepted Esperanto on equal terms with other languages as a qualifying subject for the Interpreter Badge (and allows Esperantist Scouts, Rover Scouts and Scouters to wear on their uniform a special emblem bearing the words "Esperanto Parolata"), and its official attitude is similar to that of, say, the International Postal Union which recognises Esperanto as a "clear" language, but does not itself either encourage or discourage the use of it. The purpose of the Boy Scouts Association is to further the aims and ideals of the Scout Movement, and it cannot concern itself with the propagation of extraneous subjects. So far as the Association itself is concerned, it finds that the use of English and French, while not solving the language difficulty completely, is the best method so far. (It may be added, however, that some years ago an offer from the Association to publish its international paper "Jamboree" in Esperanto, in addition to English and French, provided some four hundred additional subscribers were guaranteed, could not be accepted by the "Skolta Esperantista Ligo"). It is clear that while Esperanto can quite well come within the framework of the Chief Scout's scheme of character training, it must be left to those interested in this subject to take any initiative in the matter.**

As further evidence of the cordial relations which exist between Scout H.Q. and Esperanto, it may be mentioned that from time to time the International Scout Commissioner approaches the "Skolta Esperantista Ligo" for information regarding the spread of the language among Scouts, and he always sends on for translation any communications in Esperanto received in London, as well as requests for the help of S.E.L. in finding Esperantist correspondents for Scouts who apply for them through their own National Scout H.Q. When Mr. R. B. Wilkinson (a former Scoutmaster) was appointed Secretary of the B.E.A., the International Commissioner, on being informed, replied: "I am very pleased to hear of it". When recently a new International Commissioner was appointed and S.E.L. wrote to offer their congratulations and promise of co-operation, he answered: "**. . . if I can help in any way as he (the late Commissioner) did in the past to further your efforts for the spread of Esperanto, you can certainly rely on my co-operation**". Again, a suggestion from S.E.L. that Scouters (*i.e.*, Officers) should be allowed to wear the emblem "Esperanto Parolata" mentioned above, in addition to its use by Scouts and Rover Scouts, was at once accepted and the Rules amended accordingly. The Scouts' International Châlet at Kandersteg accepts the magazine SKOLTA BULTENO and has it placed in the reading-room, the Resident Scoutmaster writing that: "scouts of many countries will read or see it with great interest". From time to time the official organ THE SCOUTER has published correspondence and news regarding Esperanto; for example, a report of last year's Esperanto Scout Week in London was given good publicity. Permission is always given quite readily for the translation and publication in SKOLTA BULTENO of important Scout matters and articles of international interest.

While the above refers, in the first instance, to the Scout Movement within the British Empire only, it may be taken as substantially true of the Guide Movement also (as evidence the recent *request* from THE GUIDE for an article on Esperanto—which resulted in over one hundred replies reaching the B.E.A. in a few days after publication—and the items of Esperanto news which appear now and again in THE GUIDER) and of the Scout Movement in the other fifty countries where it exists. Indeed, in some places (*e.g.*, in Belgium, Brazil, Hungary, Lithuania, Poland and others), there is even closer official liaison between Scouting and Esperanto.

# Esperanto Nedezirata?

**(Is Esperanto really necessary?)**

1.—The Fourth Scout Law has recently been altered (this in itself is a step without precedent) from "A Scout is a friend to all and a brother to every other Scout, no matter to what social class the other belongs" to "A Scout is a friend to all, and a brother to every other Scout, no matter to what country, class or creed the other may belong". We welcome this new emphasis on the international aspect of the Scout Movement; it is a step in the right direction. The adoption of Esperanto (to enable brothers to understand each other, no matter to what country they may belong) is the next logical step in the same direction.

* * *

2.—At the First World Cub Leaders' Conference held in London last August, the official report alluded to the language difficulty and stated that the Polish members hit upon a good idea to save time; they distributed papers in French and then read their speeches in English. The following statement was then made: "the language question must always be a major problem at conferences of this sort". The attention of Scout H.Q. was at once drawn to the fact that during the same month of August some fourteen nationalities of Scouts and Guides met in London with no language problem at all, and the conclusion was drawn that what those young people could do, surely the leaders themselves could do. This letter was duly published in the official Scout organ, but no reply was forthcoming.

* * *

3.—In August a Polish Scout, who was the official Scout representative to the International Camp of the "Skolta Esperantista Ligo", paid a visit to the International Scout Bureau to deliver in person a message from the Chief Scout of Poland. At the interview it was found that the Pole spoke neither English nor French, while the Scout official knew no Polish. On being told by an Esperantist Scout (an Englishman) who was also present that the Pole spoke Esperanto, the official made the surprising remark that he "had no time for Esperanto". But he soon found that if he wanted to receive the message from the Polish Chief Scout (who was, as it turned out, a great friend of his), and if he wished to send a message in reply, he would have to ask the English Esperantist Scout kindly to act as interpreter—which he did.

* * *

4.—A French and a Dutch Scout spent a week in camp with an English Scout Troop last August, but the English Scoutmaster was the only one in camp who could converse with the two visitors, although all the English Scouts were well-educated boys who had been learning French at school for some time. The Scoutmaster and the guests were Esperantists!

* * *

5.—In *Rovering to Success* the Chief Scout says: "The duty of the citizens in each State is to get more into mutual touch and sympathy with those of other States, through interest in their history and doings, and through interchange of visits". Rover Scouts will do this more effectively by using Esperanto!

---

# 32a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## Marseille, 3-14 Aŭgusto 1940

**POST Bern, Marseille. La dua urbo de Francujo gastigos nian Universalan Kongreson en la venonta jaro, kaj prezentos eblecojn por konatiĝi kun la romantika regiono Provenco, la Lazura Marbordo, kaj la insulo Korsiko. La lasta numero de "Franca Esperantisto" informas, ke la Organiza Komitato, en kiu kunlaboras lokaj samideanoj kun energiaj Parizanoj (Couteaux, Petit, Guillaume, Schwartz, k.a.), jam finaranĝis la kongresan programon, kiu enhavos novajn elementojn, ekz. Floraj Ludoj kaj Olimpiaj Ludoj, apud la tradiciaj aranĝoj. Plenaj detaloj pri aliĝo kaj alvojaĝo aperos en postaj numeroj, sed intertempe ni donas sube la provizoran programon.**

**Sabato 3 aŭgusto** :
10 h. — Kunsido de I.E.L. kun O.K.K.
14 h. — Ĝenerala Kunveno de la Federacio de Provenco.
Komenco de la Esperantistaj Olimpiaj Ludoj.
15 h. — Ĝenerala Kunveno de S.F.P.E.
20 h. 30 Interkonatiĝa Vespero.

**Dimanĉo 4** :
8 h. 20 Diservoj : Katolika, Protestanta, Hebrea, Muzulmana.
10 h. — Solena Malferma Kunsido.
13 h. — Oficiala Festeno.
14 h. 30 Esperantistaj Olimpiaj Ludoj.
20 h. 30 Esperantistaj Floraj Ludoj.

**Lundo 5** :
9 h. — Unua Laborkunsido de I.E.L
12 h. — Oficiala fotografiĝo.
14 h. — Fakaj Kunsidoj laŭ sekcioj (Instruado, Trafiko, Sciencoj, Intelektaj Interŝanĝoj).
16 h. Prelegoj (Somera Universitato).
20 h. 30 Nokta folklora subĉiela Festo.

**Mardo 6** :
9 h. 30 Fakaj Kunsidoj laŭ la 4 sekcioj.
14 h. — Vizito de la Havenoj, Kastelo If kaj Tunelo Rove, laŭ invito de la Komerca Ĉambro de Marseille al ĉiuj kongresanoj, per specialaj ŝipetoj
17 h. — Oficiala Komuna Akcepto de la Urbo Marseille, Komerca Ĉambro, Foiro kaj Sindikato pri Iniciatoj.
20 h. 30 Teatro : Teatraĵo kun la Esperantista Artistaro de Paris, kaj Revuo de Raymond Schwartz kun la artistoj de la kabareto : *Bolanta Kaldrono*.

**Merkredo 7** :
9 h. 30 Fakaj Kunsidoj laŭ 4 sekcioj.
14 h. — Foriro de la Ekskurso al La Ciotat.
15 h. 30 Vizito de la ŝipkonstruejoj.
17 h. — Oficiala Akcepto.
18 h. 30 Vespermanĝo en La Ciotat kaj Cassis.
22 h. — Reveno en Marseille.

**Ĵaŭdo 8** : Tuttaga Ekskurso en Provenco.
8 h. — Foriro el Marseille.
9 h. — Aix. Akcepto de la loka grupo.
10 h. 30 Plan d'Orgon—St Rémy—Les Baux.
12 h. — Arles. Tagmanĝo. Akcepto de la lokaj grupoj.
14 h. 30 Vizito de la antikva urbo.
18 h. — Rapida vespermanĝo.
19 h. — Festo en la Antikva Roma Teatro. Folkloro. Unua prezentado de *La Kamarganino* de L. Laget, originale verkita, kun la Esperantista artistaro de Paris.
22 h. — Foriro el Arles.
23 h. 30 Alveno en Marseille.

**Vendredo 9** :
9 h. — Konkludoj de la 4 Sekcioj.
10 h. — Komuna Kunveno de la 4 sekcioj.
14 h. — Prelegoj (Somera Universitato).
15 h. — Dua Laborkunsido de I.E.L.
21 h. 30 Internacia Balo.

**Sabato 10** (tiu lasta parto estas nur principa) :
8 h. 30 Foriro al Villefranche per ŝipo (krozado), vagonaro aŭ aŭtoĉaro.
14 h. — Kuniĝo en Villefranche. Promenado ĝis la itala landlimo.
17 h. — Solena Ferma Kunsido en Nice.

**Dimanĉo 11 ĝis Merkredo 14** :
Postkongresa Krozado al Korsiko.

# The Esperanto Student

## LETERO

KARA AMIKO,

Kun ĝojo en la koro mi deziras esprimi mian dankon pro via afabla invito. Mi tre volonte pasigos kun vi en via hejmo kelkajn tagojn de mia libertempo. Antaŭ kelkaj monatoj vi faris similan inviton, kaj mi devis sciigi al vi, ke mi ne povos aranĝi mian libertempon en tiu sama semajno, en kiu vi havis vian. Mi tre bedaŭris, ke mi devas rifuzi, kaj nun mi estas des pli feliĉa pro la penso, ke mi povas akcepti la inviton.

Mi ĝoje antaŭrigardas al la renkonto kun vi, kaj mi esperas, ke vi ne tre multe ŝanĝiĝis post kiam mi lastfoje vidis vin. Ĉu vi memoras tiujn ĝojplenajn tagojn ĉe mi antaŭ du jaroj ? La memoro pri niaj oftaj promenoj, pri niaj longaj, interesaj, entuziasmaj konversacioj en la ombro de la grandaj kverkoj en la parko apuda ofte revenas al mi kaj min ĝojigas. Ni ĉiam iris al tiu parko en la liberaj vesperoj, ĉu ne ? Ĉu ni daŭrigos niajn diskutojn pri la samaj temoj, kiam mi renkontos vin denove ĉe Harmslago ? Mi forte esperas, ke jes.

Bonvolu doni al via patrino miajn tre korajn salutojn, kaj al via juna fratino miajn bondezirojn. Vi mem akceptu similajn salutojn kaj bondezirojn, ankaŭ tre sincerajn dankojn pro la plezuro, kiun vi donis al mi per vi letero.

Sincere via,
ARTURO

## "SI, SI, SI"

One of the stumbling blocks for the Esperanto student in most countries and particularly the English students is the use of the reflexive pronoun *si*. I cannot hope to give a complete and thorough lesson on that particular problem now, but I have tried to narrow down the rules to three general ones, and these, with a number of examples, should be very helpful in settling most of the doubts on the question of reflexives. These general rules are not *laws*, but are indications of the most popular usage.

RULE 1.—*Si* is usually the object of a verb (Direct or Indirect Object). *Li parolas al si. La kato lavas sin. Egoisto amas sin. Aŭtodidakto instruas sin. Kapitano savas laste sin.*

RULE 2.—*Si* relates to the subject (as a whole) of that same verb. *La edzo amas sian edzinon. La edzo kaj la edzino amas siajn infanojn. La edzo kaj la edzino vizitas ŝian patrinon* (*ŝian*=her). *La edzo kaj la edzino elspezas lian monon.*

RULE 3.—*Si* is used only for the "third person" singular or plural.

The best way to learn the exact meaning, or more important the correct usage, of the reflexive, is by reading a lot of good and well chosen exercises in a reliable textbook. You will find a lot in *Step by Step*, in Cox's *Commentary and Grammar* (¶ 128, 135–6 and 138) Ekzercaro, No. 10.

Read these examples aloud several times until the true meaning sinks in and the wrong pronoun would *sound* wrong if it were used. You will learn it better by *feeling* it than by learning rules, because in speaking fluently there is no time to think about rules.

## PECO POR PROGRESINTOJ

**Elegantan Tradukon** de la suba frazo mi petas, kaj mi deziras substreki la vorton "eleganta". Tial mi intencas proponi dutri pensojn pri tradukado.

Tradukante oni ordinare havas unu (aŭ ambaŭ) el du celoj. Oni deziras traduki la informon de la originala verko, aŭ traduki la formon kaj stilon de la verko. Bonvolu provi doni al mi tradukojn el la dua speco, elegantajn, bonstilajn, fluajn, kaj *legindajn*. Post unu monato mi proponos al vi paragrafeton el la alia speco.

*Let not future things disturb thee, for thou wilt come to them, if it shall be necessary, having with thee the same reason which now thou usest for present things.*

(Marcus Aurelius, Book 7, par. 8).

Ne venis al mi sufiĉe bona traduko de la julia "Peco", do mi ne prezentos al vi tutan provon. La tradukoj de "trolley bus" estis diversaj ; ekz. rulbrakomnibuso, elektra omnibuso, kolektilobraka aŭtobuso, k.s. Mi mem preferas "elektrobuso". Neniu sukcese tradukis la amuzan komparon inter "get *on*" kaj "get *off*".

P. E. DA GOGO.

